# Aŭstraliaj  Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO, NOVZELANDO KAJ PETANTOJ**



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Franciska Toubale**

**PLENUMITA 10/01/2018 Tricent- kvindeksesa eldono (unua eldono 20/09/2011)**

SENDITA AL 325. La informa kaj noma paĝoj reaperos nur kun la dekaj eldonoj



Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;

*reta-vortaro *Freelang Vortaro *Plena Ilustrita Vortaro * Esperanta Retradio *Google Translate * Pasintaj eldonoj *

Ctrl+klaku ligojn por kapabligi la malfermon. Kutime, sed ne ĉiam, la ligoj havas verdetan koloron

Oni povas meti sian nomon, retadreson, urbon kaj landon al la listo de ricevantoj. rspring@tpg.com.au

**Ĝis nun 1,450,000 lernantoj ekstudis Esperanton per Duolingo**



Ekstudis pli ol **1,170,000** lernantoj per la angla lingvo. (Ekde la 28a de Majo 2015)

Ekstudis pli ol **280,000** lernantoj per la hispana lingvo. (Ekde la 26a de Oktobro 2016)

https://www.duolingo.com/course/eo/en/Learn-Esperanto-Online

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Gramatika serio “La Verbo en P.A.G.”.

## N.ro 10 ( La Plena Analiza Gramatiko de Waringhien kaj Kalocsay)




Rilate la kompleksajn tempojn en Esperanto la libro memorigas nin pri la furioza batalo antaŭ okdek jaroj inter la –ita-kampo kaj la –ata-kampo de la Esperantistaro. Tiu malamika interbatalo okazis, ĉar tiam ankoraŭ ne ekzistis la moderna unuverba Pasivo, kaj pro tio ambaŭ partioj malpravis, kvankam la ‘-ita-uloj’ oficiale venkis. Kontraŭ ‘La leĝo estis akceptata’ (aŭ ‘La leĝo estas akceptita’) oficialiĝis la malĝusta “La leĝo estis akceptita” por la ĝusta ‘La leĝo akceptatis’, kiu lasta formo ankoraŭ ne estis trovita. Krom la manko de verba Pasivo en tiu periodo, ankaŭ kaŭzis la miskomprenon la fakto ke oni ne sciis, kaj ofte eĉ plu ne scias, ke dum almenaŭ la lasta jarcento la signifoj kaj formoj de la pasintaj tempoj ŝanĝiĝadis en Eŭropo, tiel ke oni ne konsciis ke pluraj eŭropaj lingvoj uzas nun sian Perfekton kiel KAJ Perfekton KAJ Preteriton kaj ke kreiĝis tria Participo, la Pasiva Participo, kun la formo de la Pasinta Participo sed kun tute aliaj signifo kaj uzo. Do ke *‘La maison a e’te’ vendue*” signifas KAJ La domo (nun) estas vendita KAJ La domo (antaŭe) vendatis, (ofte depende de menciitaj cirkonstancoj), kaj ke la franca “*vendu*” estas Pasinta Participo nur en “*On a vendu la maison*”.



*Marcel Leereveld.*



# Semajna raporto de Melburno



Niaj kutimaj semajnaj kunvenoj rekomenciĝos en Februaro. *Joanne Johns*



BRIZBANA ESPERANTO SOCIETO

kunvenas la trian sabaton monate, 13:30h

Brisbane Square Biblioteko, Adelaide St.

Vizitantoj estas bonvenaj





BES kunvenos ĉe la biblioteko en Brizbano : 20.01.18

Karaj geamikinoj kaj Estraro de AEA, bonvolu subteni nian societon per komunikaĵoj kaj stimuloj.



Mia ĝardeno donas pacon de l'animo kaj al ĉiuj ĝojon kiam ĝi garniĝas kun somerbrilegeco.

Vidu belajn *Tacca integrifolia* kaj *Heliconia rostrata* ĉe mia hejmo.



*Petro Danzer* BES Sekretario



# LA SIGNIFOJ DE LA ESPERANTAJ PARTICIPOJ.



Por eŭropanoj, Esperantistoj aŭ ne, estas tre malfacila, kompreni la funkciojn de la participoj de siaj lingvoj. Tiom malfacila, ke ekzistas nur kelkaj, eble deko, da lingvistoj, Esperantistoj aŭ ne, kiuj scias kaj komprenas siajn participojn centprocente. Mi tuj ekskluzivas ĉiujn lingvistojn kiuj pensas, malĝuste kompreneble, ke la angla, franca, germana, kaj aliaj eŭropaj lingvoj havas nur du participojn. Mi ankaŭ tuj ekskluzivas tiujn Esperantistojn kiuj, malĝuste kompreneble, kredas ke la Esperantaj participoj estas verboj, aŭ fariĝas verboj kun "esti". Mi hodiaŭ ne montros la erarojn de la 99% da ne-Esperantistaj lingvistoj pri sia etna lingvo, facile kaj rapide montreblajn, sed penos klarigi

kelkajn aspektojn de la Esperantaj participoj, kiujn Kalocsay kaj mi trovas genia invento, kaj kiujn Kalocsay kaj mi trovas neeblaj por uzi por la pasiva voĉo de verboj, pro la jenaj tialoj:

**1e**. La radikoj de la participoj estas adjektivaj; ili estas -ant-, -at-, -int-, -it-, -ont-, kaj –ot-. Per alikategoriigo ili povas fariĝi adverboj, -ante, k.t.p., kaj substantivoj, -anto k.t.p., kaj tre malofte verboj, ekz. –ati.

**2e**. La participoj plej ofte uzatas kiel adjektivoj ĉe substantivoj, ekz. "La perdita monujo" kaj "La vagonaro forironta post horo. P.A.G. kaj mi konsilas nur malofte uzi ilin kiel predikativojn, ekz. eviti "Mi estis manĝinta kiam mi foriris", kaj simple diri "Mi manĝis antaŭ ol foriri.

**3e**. Ne hezitu uzi la adverbajn formojn: "Manĝinte mi foriris" kaj "Mortigote la krimulo kondukatis al la korto".

**4e**. Substantivoj participaj ne ofte uzatas: "La mortigotoj unue rajtas preĝi".

**5e**. Praktike uzatas nur unu verbformo participa, kun reduktita signifo: la Pasiva Voĉo per –ati: "La vojaĝanto vekatis tro malfrue". La redukto estas ke malaperis la senco de tempo kaj nefiniteco kaj restis nur la senco de pasiveco. La redukto similas al aliaj Zamenhof'aj signiforeduktoj.

**6e**. La participaj sufiksoj aldonatas nur al verbaj radikoj, same kiel ekz. la sufiksoj –ema kaj –ebla kaj la prefikso re-. Ili povas ricevi la komplementojn de tiuj verbradikoj, ekz. "La lakton trinkanta knabino" kaj "La de la instruisto forte punita knabo".

**7e**. La signifo de –anta kaj –ata estas, ke ilia substantivo estas en la procedo fari la agon indikitan antaŭ –anta aŭ –ata sen fini ĝin, do ago kiu komenciĝis sed ankoraŭ ne finiĝis, kaj verŝajne tute ne kompletiĝos. Dum kun la verbaj finaĵoj –as, -is, -os, -us, -u, kaj -i la Subjekto faras la kompletan agon de komenco ĝis fino, kun la adjektivaj finaĵoj –anta kaj –ata la substantivo troviĝas en stato, en stato de disvolviĝanta ago aktiva aŭ pasiva aŭ mediala. Ne temas pri verbo, kiu ja povas finiĝi nur en –as, -is, ktp., sed pri aspekto de parto de la ago. "Purigata biciklo" ne faras la tutan (pasivan) agon, sed estas en stato kiu povas plu daŭri aŭ ne. Ĝi kutime interrompatas de vera verba ago, kiel en "Ni estis manĝantaj, kiam subite la lampoj ĉesis funkcii". Tio malsamas al "Ni manĝis (do ĝis la fino), kaj tuj post tio la lampoj ekmalfunkciis".

**8e**. La participoj –inta kaj –ita ne diras precipe ke la substantivo faris agon en la pasinteco, por kio oni uzas –is kaj –atis kaj –iĝis, sed ke ĝi sentas la rezulton de antaŭa ago. Do falinta arbo ne falas nun, sed montras la nunan staton de la arbo pro la antaŭa ago, do la rezulton de tiu antaŭa ago. Falinta arbo estas arbo kiu, pro antaŭa falo, nun kuŝas horizontale sur la grundo. Same, manĝita pomo ne estas pomo kiun oni nun manĝas, sed pomo kiu troviĝas nun en onia stomako, pro ĵusa manĝado onia.

**9e**. Ankaŭ la participoj –onta kaj –ota ne pleje indikas agon, sed indikas la staton de substantivo kiu ankoraŭ ne faris agon sed atendas baldaŭ fari ĝin. Tia stato ne estas ago, sed la sento ke certa ago baldaŭ okazos. "Manĝota pomo "ne indikas precipe venontan agon, sed la senton ke mi ne jam manĝis la pomon kaj do havas malplenan stomakon. "Manĝota pomo"

ne simple diras, ke vi manĝos ĝin, sed ke ĝi nun ankoraŭ ne estas en via stomako. Same en "Mi ankoraŭ estas manĝonta la pomon".

**10e**. Se vi demandas min kia mi sentas min nun, mi respondas: "Sata, ĉar mi estas manĝinta antaŭ du horoj". Se vi demandas min, kia mi sentis min antaŭ unu horo, mi respondas ke mi sentis min sata ĉar tiam mi estis manĝinta unu horon pli frue. Kaj antaŭ tri horoj mi sentis min malsata, ĉar tiam, antaŭ tri horoj, mi estis manĝonta (unu horon poste).

La plej multaj priparticipaj eraroj farataj de la eŭropaj Esperantistoj okazas unue ĉar ili malĝuste traktas la Esperantajn participojn, ja adjektivoj, kiel verbojn kiel en eŭropaj lingvoj, kaj due ĉar ili ne scias ke en la eŭropaj lingvoj troviĝas participoj kiuj similas al pasintotempaj participoj sed funkcias sentempe kiel pasivaj participoj. Ekzemple en *"J'ai trouvé' ma bicyclette" (I have found my bicycle)* *"trouvé"* estas pasinttempa participo, indikanta la pasintecon de la ago "trovi", sed en "*Ma bicyclette a été trouvée" (My bicycle has been found)* *"trouvée"* ne indikas la pasintan tempon sed nur la pasivecon de la participo. Ĝi do estas kaj devas nomiĝi Pasiva Participo. La tempon indikas nur la vortoj "*a été*". La samo okazas ĉe "*Ma bicyclette sera trouvée" (My bicycle will be found)*, do mia biciklo faros la agon "trovati", ne "esti trovita", sekve *"in the process of being found"*, NE *"will be having been found before*". Se vi trovas ĉi tion malfacile komprenebla, ne paniku, ĉar miloj da eŭroplingvaj lingvistoj, do specialistoj, ankoraŭ ne komprenas tion.

*Marcel Leereveld*.





# La Manlia Esperanto-Klubo



Anoj kunvenas la unuan kaj trian sabatojn je la 10atm. Bavarian Beer Café, Manly Wharf. Unu taso da klubpagita kafo atendos vin.




*Michael Peters, Choe Taesok, Roger S, Ian W, John C, Vida Čojienė, Jogailė Čojūtė, Martyna Ambrožaitė*

La kunveno komenciĝis kun Roger, Michael, John kaj Ian je la 10atm.

Ni diskutis la signifojn kaj prononcon de la kunmetitaj vortoj el la ''The Esperanto Teacher''

Adresŝanĝo, akvobirdoj, cigaredskatolo, ĉapelbutiko, dormoĉambro, ĉevalkurado, dankletero, fruktodona, flugmaŝino, gazetanonco, hejmtasko, interesplena, knablernejo, koncertsalono, kantlibro, kampardometo, laktobotelo, literaturamanto, legomĝardeno, murpentraĵo, esprimmaniero, orelringo, opini-kontrolo, preterpasi, okulplaĉa, domposedanto.

La Litova-Korea esperanta familio alvenis je la 12tm dum la kunvena malfermo. Sed ni interparolis, fotis kaj promenis. Tamen la junulinoj preferis naĝi en la haveno apud la kajo.



↑ Apud la kajo




↑ Ĉe mia hejma fiŝejo




↑ Promeno en la *Corso* (homa strato) de la maro al la haveno kaj kajo dum 30 grada varma tago

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

Sinjoro Springer,

Al vi kaj al ĉiuj esperantistoj en via adresaro, mi deziras:

# *Bonan, Novan Jaron 2018 !!!*

Salutojn el Nederlando,

Amike, *Det Koning*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★






**"La plej sukcesa ludanto de la jaro estis Nicole Else el Aŭstralio, kiun ni kore gratulas".**

Jam de pluraj jaroj funkcias kvizo ĉe la retejo de edukado.net. Ĝi nomiĝas risko, ĉar foje oni povas riski perdi siajn poentojn. Ĉu ankaŭ vi volas ludi? La kvizo enhavas demandojn pri Esperanto-kulturo, movado kaj lingvo. Ĉiun tagon oni rajtas respondi maksimume al 3 demandoj kaj oni havas nur kelkajn sekundojn por klaki sur la respondo. Do necesas malmulte da tempo por ludi. Ĉiun monaton estas unu gajnanto kiu ricevas veran premion. Vi mem povas elekti inter pluraj, estas divers-specaj premioj: libroj, T-ĉemizoj, KD, ktp. Estas ankaŭ pli granda premio por la jara gajnanto. En 2017 la jara gajnanto estis iu de .... Aŭstralio. Vidu http://edukado.net/novajhoj?id=726

Amike, *Nicole Else*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★




Vizitu nian retejon http://movado-sen-nomo.net/ aŭ nian paĝon en Facebook.

## Unu mano sola ne povas aplaŭdi.



(afrika proverbo)

www.movado-sen-nomo.net

**Januaro 2018**

| Lu | Ma | Me | Ĵa | Ve | Sa | Di |
|---|---|---|---|---|---|---|
| 1 | 2 | 3 | 4 | 5 | 6 | 7 |
| 8 | 9 | 10 | 11 | 12 | 13 | 14 |
| 15 | 16 | 17 | 18 | 19 | 20 | 21 |
| 22 | 23 | 24 | 25 | 26 | 27 | 28 |
| 29 | 30 | 31 | | | | |

**Februaro 2018**

| Lu | Ma | Me | Ĵa | Ve | Sa | Di |
|---|---|---|---|---|---|---|
| | | | 1 | 2 | 3 | 4 |
| 5 | 6 | 7 | 8 | 9 | 10 | 11 |
| 12 | 13 | 14 | 15 | 16 | 17 | 18 |
| 19 | 20 | 21 | 22 | 23 | 24 | 25 |
| 26 | 27 | 28 | | | | |

**Marto 2018**

| Lu | Ma | Me | Ĵa | Ve | Sa | Di |
|---|---|---|---|---|---|---|
| | | | 1 | 2 | 3 | 4 |
| 5 | 6 | 7 | 8 | 9 | 10 | 11 |
| 12 | 13 | 14 | 15 | 16 | 17 | 18 |
| 19 | 20 | 21 | 22 | 23 | 24 | 25 |
| 26 | 27 | 28 | 29 | 30 | 31 | |








*TheSenior*





https://www.thesenior.com.au/lifestyle/rising-above-the-babel/ Bona Artikolo Amike, *Nicole Else*



# "Malgrava historieto pri mia vivo" (Bob Felby)

## Ĉapitro 7 Mi reeniras Anglujon kaj fariĝas kokinisto (Dua ero)



Atinginte la duan kampon, li, ĉar li estis multe pli forta ol mi, eniris la kampon kun mi. Nu, tion mi kompreneble ne povis permesi. Mi devis nun malfermi la enirejon al la unua kampo, kaj ellasi la grandegulon. Sed ĉar li estis tute nuda, estis tre malfacile por mi teni lin. Mi tenis liajn harojn kaj puŝis lin, kaj finfine la petolemulo eliris el mia kampo kaj en sian. Trairinte la duan kampon mi atingis la ŝoseon. Tie mi haltigis aŭtomobiliston, kiu bonŝance estis iranta al Rutlando. Evidente, kiel riĉulo li havis ja propran aŭton, kaj ne tro plaĉis al li veturigi bienlaboriston. Li tuj klarigis al mi, ke sur tiu ĉi vojo iras pli- malpli regule aŭtobuso, kaj ke mi devus uzi ĝin.

Atinginte la malsanulejon, mi salutis mian filon, Marko Anglo, en Esperanto, kaj Audrey en la angla. Audrey rekomendis, ke mi iru hejmen per la buso. Kelkajn horojn poste mi decidis tion fari. Mi trovis la bushaltejon, atendis kaj atendadis. Fine venis tre granda, duetaĝa aŭtobuso ruĝa. Oni kredus, ke oni estas ankoraŭ en Londono. Sidis en la aŭtobuso 5 aŭ 6 junuloj. La neĝo falis dense. Estis malvarmege. Pli ol unu fojon la buso haltis, kaj necesis ke mi kaj la junuloj eliru por puŝi ĝin. Kiam tio okazis la 6-an fojon, mi ekmiris kiom stulta mi estas. Mi pagis bonan monon por veturi en la buso, kaj jen mi iras malantaŭ ĝi puŝante ĝin. Kaj kvankam mi puŝis, mi tre frostis. Ankaŭ Anglujo kun sia milda klimato povas esti tre malvarma dum la vintro.

Mi retrovis mian prudenton vidante la bienon de mia juna amiko, Davido. Mi ne plu puŝis la buson, mi eĉ ne eniris ĝin. Mi suriris la kampojn de Davido, kaj baldaŭ poste vidis mian malvarman domon kun la du katoj. Ni ĉiuj tri enlitiĝis.

Iun posttagmezon revenis Audrey kun Marko Anglo. Mi estis laboranta inter la gekokoj, kiam Paŭl Freeman revenis de Rutlando. Mi forlasis la kokinojn kaj prenis Markon en miajn brakojn, kaj portis lin en la domon. Paŭl Freeman subtenis Audrey. Mi ne memoras ĉu ni kune trinkis tason da teo aŭ ne. Tre verŝajne, ĉar Paŭl Freeman estis homo tre bonkora. Li estis ankaŭ la patro de Davido, mia angle parolanta amiko.

Mi decidis mem fariĝi kapitalisto. Kiam naskiĝis virkokoj en la bieno, oni ĉiam mortigis ilin. Ili estis ne profitdonaj, kaj laŭ la opinio de la bienposedanto, devis tuj morti. Mi demandis lin, helpe de mia tradukisto, Paŭl Freeman, ĉu mi povas aĉeti 16 virkokojn. La bienisto, ĉar plaĉis al li tiun tagon aspekti kiel homo, donacis ilin al mi. Paŭl Freeman donacis al mi la necesan manĝaĵon por ili, kaj baldaŭ ili estis tre grandaj kaj grasaj. *Daŭrigota* *Bob Felby*





**3ZZZ** .... Venis gasto el Adelajdo al nia radiostudio lundon la 8an de januaro tio estas Charles Stevenson. Nepre aŭskultu la interesan rakonton de Charles pri literatura

batalo en Esperantujo pro tio ke la Esperanto-instruisto de Charles, Leonard Newell aŭdacis traduki la teatraĵon de Shakespeare, Hamlet en 1964, pensante ke Zamenhof foje eraris ....

informas la kunvokanto *Franciska Toubale*



# La Ricevantoj de la Aŭstraliaj Esperantistoj



La nomlisto de "Aŭstraliaj Esperantistoj" enhavas homojn kun konataj nomo kaj retadreso. Individuaj ricevantoj de Esperanto-elsendaĵoj per la reto kaj listigitaj en la adresaro de Aŭstraliaj Esperantistoj. **Ĉu via nomo mankas? Almetu ĉe rspring@tpg.com.au**

| | First name | Family Name | 51 | Caroline | Turner | 102 | Fresha | Maro | 153 | Joanne | Johns | 204 | Maruŝka | Struminskov | 255 | Richard | Delamore |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| 1 | Abid | Afridi | 52 | Cass | Sharp | 103 | Frits | van Scheepen | 154 | Johano | Massam | 205 | Mary | Mills | 256 | Richard | Marcus |
| 2 | Adam | Levy | 53 | Chan | SY | 104 | Fujun | Xiao | 155 | John | Casey | 206 | Mason | White | 257 | Richard | Penman |
| 3 | Adam | Hill | 54 | Charles | Stevenson | 105 | Gary | Smith | 156 | John | Gallagher | 207 | Mathew | Englezos | 258 | Rikardo | Newsum |
| 4 | Adam | Olechnowic | 55 | Chris | Krageloh | 106 | Gerry | Phelan | 157 | John | Calder | 208 | Matthew | Maguire | 259 | Robert | Hoogenboom |
| 5 | Adrien | FOLLIN | 56 | Chris | Morrow | 107 | Giles | Thomson | 158 | John | Forbes | 209 | Max | Wearing | 260 | Robert | Bain |
| 6 | Ago (Gus) | Ferrosa (Faith) | 57 | Chris | Jannsen | 108 | giri | Rao | 159 | John | Fleming | 210 | Michael | LoSordo | 261 | Roger | Hill |
| 7 | Alan | Turvey | 58 | Christine | Paul | 109 | Glyn | Truscott | 160 | John | Adams | 211 | Michael | Zhang | 262 | Roger | Springer |
| 8 | Alan | Bishop | 59 | Christine | Holliss | 110 | Gordon | Coleman | 161 | John | Garvey | 212 | Michael | Carney | 263 | Ronald | Gates |
| 9 | Alan | Mendelawitz | 60 | Claudia | Layton??? | 111 | Grace | Alvarez | 162 | Jonathan | Cooper | 213 | Michael | Peters | 264 | Roswitha | Kroppenberg |
| 10 | Alen | Basic | 61 | Colin | Robinson | 112 | Graf | Gabor | 163 | Jonathan | Moylan | 214 | Michael | Waters | 265 | Ruth | |
| 11 | Alexar | | 62 | Craig | Ovenden | 113 | Graham | Fennell | 164 | Kam | Lee | 215 | Mick | Gallagher | 266 | Sandor | Horvath |
| 12 | Amanda | Markham | 63 | Crystal | Hill | 114 | Gregg | Libby | 165 | Katarina | Taggart | 216 | Mike | Taggart | 267 | Sandor | Monostori |
| 13 | Amy | Regal | 64 | Dale | McManus | 115 | Halinka | Ejsmont | 166 | Katja | Steele | 217 | Mike | Leon | 268 | Sandra | Connors |
| 14 | Andre | Samosir | 65 | Damian | Glass | 116 | Harald | Schmitz | 167 | Kehui | Bao | 218 | Mikel | Rizo | 269 | Scott | Brown |
| 15 | Andrea | Witt | 66 | Dan | no name | 117 | Hazel | Green | 168 | Keith | Bowling | 219 | Miranda | Lutz | 270 | Shayne | Power |
| 16 | Andreo | Rosenbaum | 67 | Daniel | Kane | 118 | Heather | Heldzingen | 169 | Ken | Rolls | 220 | Mohammad | Jabbar | 271 | Shirley | Gradussov |
| 17 | Andrew | Adams | 68 | Daniel | Forrest | 119 | Heidi | Goes | 170 | Kerry | Robson | 221 | Monique | Arnaud | 272 | Shresta | Kishor |
| 18 | Andrew | Maybury | 69 | Danton | Black | 120 | Helen | Munro | 171 | kevin | kenefick | 222 | Morgan | Day | 273 | Sibel | Lewis |
| 19 | Andrew | Lutz | 70 | David | Dalgleish | 121 | Helen | Webb | 172 | Kevin | Warburton | 223 | Nancy | Roy | 274 | Sidney | Wolifson |
| 20 | Andrew | Spannenberg | 71 | David | Kidd | 122 | Helen | Palmer | 173 | Kiah | Morante | 224 | Nicole | Else | 275 | Siu | Chan |
| 21 | Andries | Lamers | 72 | David | Dewar | 123 | Henriette | Vanechop | 174 | Kieu Tu | Duong | 225 | Nigel | unknown | 276 | Stephen | Landman |
| 22 | Anna | Clark | 73 | David | Ryan | 124 | Henry | Broadbent | 175 | Kirsi | Rossi | 226 | Obed | Niyo | 277 | Stephen | Pitney |
| 23 | Anne | Sanders | 74 | Dee | McCarney | 125 | Hermann | Kroppenberg | 176 | Lauren | Noble | 227 | Olga | du Temple | 278 | Steven | Pietrosanti |
| 24 | Archana | Joshi | 75 | Dennis | Murphy | 126 | Herve | Diviciacos | 177 | Lauren Victoria | Smith | 228 | Oscar | Betancourt | 279 | Steven | Garamy |
| 25 | Arnie | Schaaij | 76 | Deshan | An | 127 | Hugh | Ramage | 178 | Laurie | Kirwan | 229 | Owen | Loneragan | 280 | Suzanne | Palmer-holton |
| 26 | Barbra | Stephen | 77 | Det | Koning | 128 | Huigh | Malcolm | 179 | Lenny | g-----b | 230 | Pamela | Fenton | 281 | Svetislav | Kanachki |
| 27 | Barbra | Treharne | 78 | Dianne | Lukes | 129 | Humphrey | Tonkin | 180 | Leonie | McGlashan | 231 | Patrick | Zhang | 282 | Szilvasi | Laszio |
| 28 | Barrie | Cledsmith | 79 | Dianne | Mitchell | 130 | Ian | McArthur | 181 | Linda | Danzer | 232 | Paul | Burger | 283 | Teodomiro | Clavis |
| 29 | Barry | Healy | 80 | Dmitri | Lushnikov | 131 | Ian | Green | 182 | Ljiljana | Popovic | 233 | Paul | Desailly | 284 | Teofilo Jose | De Jesus |
| 30 | Benjamin | Forster | 81 | Donald | Rogers | 132 | Ian (Jano) | Wylles | 183 | Lochlann | Niddrie | 234 | Paul | Howlett | 285 | Terry | Manley |
| 31 | Benjamin | Hook | 82 | Dorothy | Bysouth | 133 | ilia | Dewi | 184 | Luke | Marsillo | 235 | Paul | Gorny | 286 | Tiffany | Liu |
| 32 | Benno | Lang | 83 | Dorothy | Enderby | 134 | Indrani | Beharry-Lall | 185 | Lumera | Nohill | 236 | Paul | Green | 287 | Tim | Warren |
| 33 | Bert | Schumann | 84 | Doug | Eising | 135 | Indu | Thapalia | 186 | Lyudmila | Kelloway | 237 | Paulo | Cesar | 288 | Tim | Stackpool |
| 34 | Betty | Chatterjee | 85 | Edith | Mejia | 136 | Jackson | Raeburn | 187 | Mana | Brinson | 238 | Pedro | Abreu | 289 | Todd | Herbert |
| 35 | Bharat | Ghiomire | 86 | Edna | Watson | 137 | Jacob | Sacher | 188 | Marc | Schmidt | 239 | Penny | Vos | 290 | Trevor | Steele |
| 36 | Bill | Starke | 87 | Eko | Nur Hidayat | 138 | Jaga | Oprzedek | 189 | Marc | Cuffez | 240 | Peter | Weide | 291 | Trish | O'Connor |
| 37 | Birgitta | Carney | 88 | Eleanor | Perno | 139 | James | Douglass | 190 | Marc | James | 241 | Peter | Willshire | 292 | Utho | Maier |
| 38 | Blaze | Doric | 89 | Elijah | McDonald | 140 | James | McElvenny | 191 | Marcel | Leereveld | 242 | Peter | Cummins | 293 | Valencia | Tan |
| 39 | Bob | Felby | 90 | Elizabeth | Mortimer | 141 | Jane | Allen | 192 | Marcus | Gabor | 243 | Peter | Danzer | 294 | valery | matushkov |
| 40 | Bob | Mcmaster | 91 | Elrae | Adams | 142 | Jared | Martin | 193 | Marcus | Dohring | 244 | Peter | Mitchell | 295 | Vasil | Kadifeli |
| 41 | Bona Volo | Brazilo | 92 | Emerson | Werneck | 143 | Jason | Covell | 194 | Margaret | Yue | 245 | Peter | Johns | 296 | Vera | Payne |
| 42 | Bradley | McDonald | 93 | Erhard | Claus | 144 | Jay | Mooney | 195 | Margaret | Chaldecott | 246 | Peter | Lim | 297 | Vere | Williams |
| 43 | Brendan | Linnane | 94 | Eric | Hart | 145 | Jean | Huelsbeck | 196 | Margaret | Furness | 247 | Philip | Nichols | 298 | Vicky | Crickett |
| 44 | Brian | Barker | 95 | Erin | McGifford | 146 | Jeff | Cullinan | 197 | Margarita | Pavlova | 248 | Rae | Watson | 299 | Wally | du Temple |
| 45 | Brian | Dance | 96 | Esperanta | Retradio | 147 | Jennifer | Birchall | 198 | Maria | Jojkitty | 249 | Rainer | Kurz | 300 | Yvan | Serve |
| 46 | Brodie | May | 97 | Esperanto | muzeo | 148 | Jenny | Bishop | 199 | Marika | ???? | 250 | rani | lyons | 301 | Zachary | Grant Fedricksen |
| 47 | Bruce | Robertson | 98 | Esther | Parris | 149 | Jim | Couch | 200 | Marina | Lobanova | 251 | Rebecca | van Leeuwen | 302 | zc AEA | zx Administrado |
| 48 | Bruce | Muhlhan | 99 | Finnur | Larusson | 150 | Jim | Radford | 201 | Marja | Niesen | 252 | Rees | Pearse | 303 | zc NZEA | zx Administrado |
| 49 | Cal | Milligan | 100 | Fletcher | Cutting | 151 | Jo | Allsop | 202 | Mark | Pavic | 253 | Renato | Corsetti | 304 | zf NSW Fed | zy |
| 50 | Carol | Lutz | 101 | Franciska | Toubale | 152 | Jo | Turvey | 203 | Martin | Gray | 254 | Renjo | Oren | | | |